# La Karavelo

n-ro 002
novembro 2007



Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007



*La portugala lingvo estas parolata kiel nacia oficiala lingvo en ok landoj, kaj en multaj aliaj lokoj tra la planedo. I.a. en la landoj kie abundas la portugallingvaj elmigrintoj: Hispanio, Francio, Germanio, Luksemburgo, Svisio, Britio, Usono, Kanado, k.c.*

**etne... la ETNAN**

**nacie... la NACIAN**

**internacie... ESPERANTON**

# Enhavo de *La Karavelo 002*



# Kolofono

Kunlaboris ĝis nun en La Karavelo...

David Curtis
Eduardo Novembro
Edward Jashkiewicz
Francisco Stefano Wechsler
Gerrit Berveling
Imre Szabó
Irina Mironova
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Paulo Sérgio Viana
Rafael Lins
Renato Corsetti
Spíros Sarafián

El la landoj...

Belgio
Brazilo
Britio
Grekio
Hungario
Israelo
Italio
Nederlando
Polio
Portugalio
Rusio

Proprietulo kaj direktoro

*João José Santos*

http://groups.google.com/group/lakaravelo

lakaravelo@gmail.com

software livre – libera softvaro

# Tiel navigas ĉi tiu ŝipo...

El la redaktejo

## Eldona politiko de La Karavelo

La Karavelo estas esence literatura revuo. Ĝi naskiĝis por disvastigi la verkojn kaj valorojn kreitajn en la portugala lingvo, sendepende de la lando el kie venas la verko aŭ ĝia aŭtoro. Ĝi gvidiĝas de la esperantismo de Zamenhofo, kiu deziris ke esperanto fariĝu instrumento por la paco, por la respekto kaj por la kunfratiĝo inter la homaro. Ĉirkaŭ 75% de la revuo pleniĝos je tradukoj el la portugallingva literaturo, 25% de ĝia spaco destiniĝas al esperantaj originalaj verkoj, al tradukoj el aliaj lingvoj kaj literaturoj, al sciencaj tekstoj, al esprimivaj fotoj, kaj ĝenerale al aliaj tekstoj verkitaj en bona esperanto, laŭ la spirita filozofio menciata en ĉi tiu alineo.

La Karavelo bonvenigas la kunlaborantojn kiuj deziras verki aŭ traduki al ĝi, la anoncantojn sen kiuj la revuo mortos, la disvastigantojn kiuj kreskigas la nombron de la legantoj, kaj ĝenerale ĉiujn kiuj deziras iel subteni ĉi tiun projekton.

## Al la verkistoj

1. La tekstoj estu en la formatoj odt (OpenOffice) aŭ doc (Word).

2. La bildoj, bv. sufiĉe bonkvalitaj, en la formato jpg.

3. La tekstoj devas esti redaktitaj laŭ la esperanta alfabeto. Por tio, *LK* disponigas la programeton *Ek*, per kiu oni facile redaktas en la normala esperanto-alfabeto. Elŝutu ĝin el la paĝo de *LK*, post aniĝo al la diskutgrupo de la legantoj de *La Karavelo* (vidu la kolofonon).

4. La Karavelo plene respektas la elektojn kaj stilojn de la verkistoj. Do, la verkisto devas revizii sian propran tekston, kiun La Karavelo ne transformos, escepte, evidente, de misoj. Ĉi-afere la principo de La Karavelo estas: **la leganto legos kion la verkisto verkis**. Do, la aŭtoro de la artikolo, kaj nur li, responsas pri ĝia enhavo, kaj ankaŭ pri la aŭtorrajtoj.

5. En la unua kunlaboro, se plaĉe, la verkisto sendu sian etan biografion kaj sian foteton por prezentiĝi al la legontoj. Ĉi tio ne estas deviga, sed estas agrable ke la leganto iom sciu pri tiuj kiuj verkas.

6. En la unua traduko el iu aŭtoro, estas interese ke la verkisto prezentu etan biografion de la tradukita aŭtoro kun foto kaj eventuale kun aliaj datenoj.

7. La grafika aspekto de la artikolo estas prilaborata de la redakcio de La Karavelo.

8. La verkistoj atentu la aŭtorrajtojn, ĉar pri iu damaĝo pri tio, responsas la aŭtoro de la artikolo. En multaj landoj, la aŭtorrajtoj nur ĉesas 70 jarojn post la morto de la aŭtoro. Do, oni traduku el tiuj aŭtoroj kiuj mortis antaŭ pli ol 70 jaroj, aŭ oni sukcesu ekhavi skribitan rajtigon de la aŭtoro aŭ de la posedanto de la rajtoj. Eble, simpatia letero al la rajtoposedanto malfermos pordojn kaj disvastigos esperanton.

9. La Karavelo aperigos artikolojn ne esence literaturajn: tiuj estas la lingvikaj, la recenzaj, la movadaj kaj aliaj artikoloj. Ĉiu el tiuj tekstoj ne devos preterpasi trionon de paĝo A4. En ĉiu numero, la nombro de tiuj artikoloj estos limigita, ĉar La Karavelo estas esence literatura revuo.

10. Liverante siajn verkojn kaj tradukojn al La Karavelo por publikigado, la verkistoj donacas al la revuo la tutan rajton publikigi tiujn verkojn, kaj iliajn tradukojn, en elektronika formato aŭ surpapere revuforme, libroforme aŭ alimaniere. La verkoj estas publikigataj en sistemo de reciproka apogo, tiel ke La Karavelo disvastigas la nomon kaj verkojn de la aŭtoroj, kaj ĉi tiuj honoras la revuon per siaj kunlaboroj. Kaj La Karavelo kaj la verkistoj rezignas pri iu ajn pago rilate al ĉi tiuj servoj, kiuj okazas surbaze de la amika kaj kultura kunlaboro.

11. Oni sugestas al la verkistoj, ke ĉi tiuj sin dediĉu al verkoj kunligitaj per iu temo aŭ trajto, tiel ke estu rezoneble kunigi ilin kaj publikigi onte tiujn verkojn en libro, en la eldonoj de La Karavelo.

## Abonoj

### En PDF

La Karavelo estas disdonacata senpage al ĉiu ajn kiu ĝin elŝutu, en podofa formato, el http://groups.google.com/group/lakaravelo. Por tio, sufiĉas, ke oni petu aniĝon al tiu diskutgrupo aŭ al lakaravelo@gmail.com.

Se vi sendos vian komenton al la diskutgrupo, kun pozitivaj kritikoj kaj proponoj, kaj ofte vizitos la ontan retpaĝon www.esperantopt.com, tiel vi pagos vian podofan version. Tiu versio estas neprintebla, ĉar onte la revuo estos eldonata kaj aĉetebla en papera versio.

### Projekto pri la papera formato

La Karavelo estos eldonata en libro je formato A4 nigreblanke, ĉiun ses monaton kun ses revuoj. Tiu libro enhavos ĉirkaŭ 144 paĝojn.

## Anoncoj

**Por la versio PDF:** La baza anonco-ĉelo por unu numero de La Karavelo, en podofa formato, estas 40cm², do 8cm X 5cm, pli larĝe aŭ pli alte laŭ la volo de la anoncanto. Tiu mezuro estas proksimume unu dekono de A4-paĝo. Pli grandaj anoncoj mezuras kaj kostas proporcie, tiel: 40cm² – 25€ / 80cm² - 50€ / 120cm² - 75€ / 160cm² - 100€ / 200cm² – 125€. La anoncanto devas liveri la enhavon de la anonco jam pretan por publikigo. Se necese La Karavelo povas desegni la anoncon kontraŭpage. La direktoro povas rifuzi anoncadon, kiu ne enkadriĝu en la spirito de La Karavelo. Sesfojan anoncadon en sinsekvaj numeroj donas al la anoncanto 10% da rabato en tiu fakturo. Ĉiuj pagoj estas faritaj en la mendo de la anonco. Kun aliaj revuoj La Karavelo deziras interŝanĝi anoncojn senpage ambaŭflanke.

**Por la papera versio:** La prezoj aperos pli proksime de la apero de ĉi tiu versio.

# Kiu estas la redaktisto de *La Karavelo*?



***João José Santos***
**joaojosesantos@gmail.com**



**Najbara vinber-pejzaĝo videbla de la domo de João (Portugalio, Alentejo).**
**foto de JJS**

**Respondo al leganto kiu demandis:**
***Kial mankas informoj pri vi mem?***

João José Santos [jhu'ãw jhu'ze 'sãtush] naskiĝis en Lisbono, la ĉefurbo de Portugalio, en la 15-a de majo 1958. Adoleske, dum la amikoj ludis kaj studis, li devis labori por helpi la familion. Tiam, lia konstanta mensa eskapo de la ĉiutagaj problemoj estis la legado de literaturo. Trapasinte diversajn profesiojn, adolte li decidis reveni al la lernejo. Tiam, João studis portugalan, latinan kaj helenan lingvojn kaj literaturojn, dum tri jaroj. Poste li eniris ses jaran superan kurson, en kiu li licenciiĝis en tiuj tri filologiaj fakoj, jen en la scienca branĉo, jen en la didaktika. Eniris li majstrigan kurson pri latina literaturo, kiun li ne finis. La unta tezo estus pri la romia poeto Ovidio. Esperanton li lernis 27-jaraĝan. Estis esperanto kiu influis lin al klasika filologio; kontraŭe li estintus psikologo.

Politike João ĉiam estis liva viro senpartia, pro la nekapablo kompreni ke la plej granda parto de la homaro vivas mizere, dum malpli ol dek familioj posedas pli ol 50% de la planeda riĉeco. Religie li estas spiritisto; malbona spiritisto, ĉar ofte ne praktikas kion li mem predikas al la amikoj. La fido en Dio kaj la kredo en la reenkarniĝo apartenas al lia mensa konstituo. Pri hobioj, al João plej interesas esperanto kaj... esperanto... kaj esperanto ankaŭ. Cetere, li ŝatas konversacii pri multaj aferoj, trinkas kun amikoj, ŝakas kiam havas partneron, promenas, legas pri diversaj fakoj, studas lingvojn kaj ne perdas bonan filmon. Malofte vojaĝas, sed ankaŭ tio tre plaĉas al li. La literaturo, ho... la literaturo!, absorbas lin, ĉefe la poezio.



**Jen Tiko, unu el la amikoj de João. Triste, malaperis antaŭ monatoj.**
**foto de JJS**

Post 13 jaroj da profesia instruado en publikaj mezgradaj lernejoj, kaj unu jaro en privata universitato, João decidis lasi la periplan vivon de instruisto en lando kie nun oni malrespektas tiun klason, kaj do li klopodas fariĝi editisto. En tiu kunteksto naskiĝas La Karavelo.

La biografiito estis reprezentanto de ILEI, en Portugalio, dum ĉirkaŭ 20 jaroj, instruis en la 1990-aj jaroj ĉiusabate en Portugala Esperanto-Asocio, kie estis diversfoje estrarano, kaj unufoje vic-prezidanto. En sia tempo de studento, li instruis esperanton en du semestroj en la Beletra Fakultato de la Universitato de Lisbono. Kiel instruisto de la portugala dum 13 jaroj, João instruis en 13 lernejoj, de la nordo al la sudo de Portugalio. En duono de tiuj lernejoj, li instruis esperanton, kiel kroman fakon, al aliaj instruistoj kaj al lernantoj. Kelkaj el la nuntempe plej elstaraj portugalaj esperantistoj sidiĝis en lia klasĉambro, por esperanto-lernado en niveloj 1, 2 aŭ 3; ĉiu el la niveloj estis jaraj. El la tri gefiloj de João, la unua estas denaska esperantisto.

Antaŭ tri jaroj, post pli ol kvar jardekoj da vivado en Lisbono, João forlasis la fetoron de la urbo por la florodoro de la kampo, kie li loĝas en kamparana domo. Lin vizitas la familianoj, la amikoj, kaj ofte la lokaj katoj kaj la kokinoj de la najbaroj. La tieaj katoj ofte eniras la domon esperante iom da manĝaĵo kaj kareso.

***Esperelble la dua karavelado estos eĉ pli interesa ol la unua. Pri tio, kulpas ne nur João, sed ĉefe ĉi tiuj talentaj homoj kiuj kunlaboras kun li, la verkistoj.***

# Fernando Pesoo – unu korpo, multaj animoj

***Francisco Stefano Wechsler***
**tradukis el la portugala**



## Estante, ŝi jam surprizas...



Estante, ŝi jam surprizas,
Brunblonda kaj altfigura.
Eĉ pense ĝuon provizas
Ŝia korpo mezmatura.

La altaj mamoj simbolus
(Se ŝi kuŝus en sereno)
Montetojn, kiuj aŭrorus
Sen neceso de mateno.

La mano de l' brako blanka
Sin sternas en poz' invita
Sur la elstaraĵo flanka
De l' reliefo kovrita.

Ŝi logas kiel barkvelo.
Similetas al oranĝo.
Dio, ĉu mi pasaĝeros?
Malsato, kiam mi manĝos?

Fernando Pesoo
en *Poemaro*

Francisco Stefano Wechsler naskiĝis la 10-an de Aprilo 1940 en Rio-de-Ĵanejro, Brazilo. Liaj gepatroj venis el Hungarujo. Li esperantistiĝis en 1964. Francisco diplomiĝis pri Agronomio en 1972 ĉe la Agra Universitato de Rio-de-Ĵanejro, majstriĝis pri bredado de laktobovoj en 1979 ĉe la Universitato de Georgio, Usono, kaj doktoriĝis pri nutrado de remaĉuloj en 1981 ĉe la sama institucio. Laboris kiel agronomo de 1972 ĝis 1976. Profesoris ĉe la Universitato de Braziljo de 1982 ĝis 1993. Ekde 1994 profesoras ĉe la Ŝtata Universitato de San-Paŭlo. Rotariano ekde 1995. Edziĝis en 1974 al Solange Wechsler kaj havas du filinojn, Amanda kaj Larissa. Ĉefaj hobioj: ĝardenkulturo, hundoj, muziko, tradukado kaj verkado.

## Min kronu per rozoj...



Min kronu per rozoj,
Min kronu verdire
Per rozoj —
Rozoj jam ĉesantaj
Sur frunto ĉesanta
Fruege!
Min kronu per rozoj
Kaj velkaj folioj.
Sufiĉe.

Rikardo Rejso (Fernando Pesoo)
en *Odoj*, odo 3

## Sur mia vana frunto...

Sur mia vana frunto jam griziĝas
La haroj de l' junul' de mi perdita.
L' okuloj brilas malpli.
Jam ne meritas kisojn mia buŝo.
Se plu vi amas min, pro am' ne amu:
Kun mi vi min perfidus.

Rikardo Rejso (Fernando Pesoo)
en *Odoj*, odo 56

## Mesaĝo

# de Fernando Pesoo

*João José Santos*
**tradukis el la portugala**



**DUA – VIRIATO**

Se l' animo sentanta kaj faranta
konas nur ĉar memoras forgesaĵojn,
ni vivadas, popolo, ĉar ekzistis
la memor' en ni de l' instinkto via.

Vi nacio ĉar vi reenkarniĝis,
vi popol' estas ĉar vi resurektis,
vi aŭ tiu mem kies branĉ' vi estis,
tiel Portugalio sin formadis.

Via estaĵo estas kiel frida
lumo kiu antaŭas mateniĝon,
kaj jam estas la naskiĝonta tago
antaŭmatene, konfuza nenio.

**TRIA – LA GRAFO DON HENRIKO**

Ĉiu komenco stas nevola.
Di' stas l' aganto.
Asistas sin la hero', disa
kaj senkonscia.

Al l' glavo trove en la manoj
vi subrigardas.
"Kion mi faros per la glavo?"

Vi levis ĝin, kaj iĝis.

**KVARA – DON TAREĴA**

Ĉiuj nacioj estas ja misteroj,
ĉiu en si mem stas la tuta mondo.
Ho patrino de reĝoj! Ho avino
de imperioj! Nin protektu!

Via nobela sino mamnutradis
kun bruta kaj natura elcerteco
kiun destinis Di', neantaŭvide.
Preĝu por li!

Ke via preĝo iru alicelen
al kio fatis la instinkto via!
La viro kiu estis via bebo
iĝis maljuna.

Sed ĉiuj kiuj vivas estas beboj
kie vi estas kaj ne iĝas tag'.
En la antikva sino tre zorgema,
lin re vi kreas!

El la fora latina

# Jona-penteldiro (1)

## de Arĥipoeto



***Gerrit Berveling***
***tradukis el la latina***

Arĥipoeto (**Archipoeta**, kaŝnomo, ĉ 1130? ĝis post 1165?) supozeble estis vaganta studento/kleriko. En Italio, kiel Germandevena senhejmulo, li serĉis la protekton de Reinald de Dassel, ankaŭ Germano, kiu oficis kiel ĉefkanceliero de Imperiestro Frederiko I. Povas esti, ke estas Reinald kiu donis al la poeto la ŝerc-titolon **arĥipoeto**, - iom similantan je **arĥiepiskopo** aŭ **arĥikanceliero.** (2)

En 1159 Reinald estis elektita ĉefepiskopo de Köln, sed nur en 1165 li povis efektive esti konsekrita kiel tia. Supozeble tiam la Arĥipoeto ankoraŭ vivis.

La strofoj (de malsama longeco) iel rimas asonance.

8 (2) **Jona-penteldiro**

Famo tubje laŭtas sone,
heroldvoĉoj laŭtrombone
krias dis ĉi-regione:
Venas viro ege bona,
patro paca kaj patrono,
en Vien' (3) atendas trono,
grandamoŝta kotiljono.
Brua aro histriona
jam ekzercas pri la tono.
Ĉiu speco de fripono
jam dum tuta ĉi sezono
'stas atenda pri la dono.
Pendas mia kap' mentonen,
kvazaŭ estus mi latrono,
kulpa, povra, sen saĝ-ono,
nur sensprita kaj sensona.
Poetnomon aŭ personon
manifeste ne eksponas
mi; ĉar fuĝ' lin faris Jona,
per vortig' sufiĉe bona
kiel "Jonan" vi lin konu (4).

Fluas larmoj jen rivere:
verŝas ilin mi sufere,
duonmorta fiŝ-karcere (5):
ho vi vartis min tenere!
Sed plurala amafero
tro emfaza, tro leĝera,
iĝis kaŭzo por mizero.

Ĉar mi ĝue sekspetolis,
mi do kvazaŭ porko rolis,
nek plu sankte aŭreolis;
timo je vi min strangolis
(tion Jona parabolis):
fuĝe mi eskapi volis.
Jonan frapis misa sorto,
— kulpis li pri l' ŝtorm' baborde —
lin kondamnis la kohorto,
lin forglutis monstra mordo.
Mi meritis je la morto,
ĉar mi vivis mise, torde;
bridas eble l' karnon forte
mi, sed vivas kor' komforte (6).
Kulpa, timas mi vin forte:
estu min mizerikorda!
Via Jona jen nun ploras,
kulpon sian ne ignoras,
tial lin la monstro voras,
pri indulg' al vi li ploras,
ke de l' pest', kiu lin voras,
vi lin savu: li honoras
vin, timtremas kaj adoras.

Se ĉi kulpon vi pardonas,
se al monstro vi ordonas, —
monstro (7), kies faŭk' fantomas,
per oscedo tre impona
ĉi poeton kalvan vomos
kaj havenen laŭbezone
portos lin malsat-fantoman,
ke poet' poete (8) sonu,
vin per plaĉa verk' kanzonu.
Vin la Dia praordono
naskis kun ĉi viv-bezono,
ke per just' sen fanfarono,
per ekzemploj de disdono
mondon faru vi re-bona.

Se pardonas kulpon ĉi vi,
inter glavoj agresivaj
iros mi laŭ direktivoj
viaj, brilos kap' olive.
Mi ne timas pri Ninive,
nek pri gento plej nociva.
Venkos mi sanktulojn vive,
kaj evitos negativon.
Kantojn mi malprimitivajn
skribos por vi, tre dankive.

Nun malkaŝa ĉio estu:
plagas min malriĉo peste,
dum ĉe vi mi sen-maleste
pri ĉevaloj, mono, vesto
ĉiutage ĝuis feste.
Mi pli stulta ol Oresto
vole vivas malmajeste,
parazitas malhoneste,
tristas mi ĉe ĉiu festo:
ĉu utilas ĉi atesto?

Pacigant' plej harmonia (9),
dolĉu al poeto via,
kaj ne kredu al sensciaj!
Dormas jam afrodizio,
mi ermite religias (10).
Se vi mavon ĉe mi scias,
diru: ĝin mi revizios.
Plu soif' ne ĝenu fie:
estu mi vitbranĉo via.

**NOTOJ**

**1.** Temas pri unu el la ĉiam kreskanta amaso da tradukaĵoj por estontaj volumoj de mia "Antologio Latina". Volumoj 1 kaj 2 aperis en 1998 ĉe Fonto (Brazilo); OSIEK-premio 2003. La volumoj 3 kaj 4 ankoraŭ atendas sian aperon, ĉefe pro financaj kialoj; plipostaj volumoj estas kompilataj kaj tradukataj iom post iom.

**2. Arĥi-** estas Grekdevena vorto kun la signifo **ĉef-**.

**3.** Vienne en Francio.

**4.** Same kiel en la Biblio la profeto Jona fuĝis de antaŭ JHVH Dio, kaj enmare estis glutita de granda fiŝo, tielsame la poeto fuĝis de antaŭ Reinald kaj estis englutita de l' monstro de malriĉo.

**5.** T.e. en mia malriĉo.

**6.** Karno - simbolo de 'karnaj deziroj' = volupto. Ankaŭ la originalo rimas **forte** per **forte**.

**7.** Monstro = malriĉo. Efektive, la poemo estas peto je malavara subvencio...

**8.** Poet' poete - eble vortludo kun la titolo **arĥipoeto =** ĉefpoeto, poet' de poetoj...

**9.** T.e. Reinald.

**10.** Li do rezignas la am-aventurojn.

Polio poezias

# Malfrua rozo

## de nekonata aŭtoro

*Edward Jaśkiewicz*
**tradukis el la pola**

Malfrua rozo ĉiam ĉarme floras,
okulojn niajn neniam satigas,
malfrua rozo plej bone odoras,
volupte tristan koron moderigas.
Kaj pli kapturnas ol narkota dozo
la malfrua rozo.

# Lunlumo (rakonto)

**Luiza Carol**
**verkis la rakonton**



*"La luno ne aŭskultas, kiam hundo ĝin insultas."*

Pasis la luno tra la ĉielo, silente. Bela ĝi estis, blanka kaj pura ĝi estis. Ĝi verŝis sian mildan, pacan lumon sur la teron. Sento de trankvileco kaj sekureco plenigis animojn de homoj kaj bestoj rigardantaj la lunon. La amantoj suspiris, la poetoj verkis versojn rigardante la lunon.

Ekkoleris griza hundo, bojminacis li la lunon. "Kial neniu atentas min?" li pensis. "Senvoĉa estas la luno, sed ĉiuj ŝajnas aŭskulti ĝian kanton en siaj propraj koroj. Tondra estas mia voĉo, sed oni tiom neglektas min."

Tiel pensadis la griza hundo, bojante. Li bojis kaj bojis, ĝis aliaj hundoj ekakompanis lin. Baldaŭ, tuta aro de hundoj estis bojantaj minacante. Sed la luno ne aŭskultis ilin. Ĝi daŭre trapasis la ĉielon, kun kapaŭskultiloj sur siaj oreloj, ĝuante la voĉojn de steloj kaj planedoj.

"Ĝi estas vana!" kriis la hundoj. "Ĝi ne parolas kun homoj kaj bestoj, ĉar ĝi estas vana!"

"Ĝi estas malpura! Ĝi kuŝas en malpuraj siteloj kaj malpuraj kuvoj!" bojis la hundoj.



Kaj ili provis kapti kaj mordi la lunon en siteloj kaj kuvoj. Rompis ili kelkajn siajn dentojn, sed la lunon ili ne atingis.

La luno eĉ ne palpebrumis. Ĝi silente daŭrigis sian iradon, kun kapaŭskultiloj ĉe siaj oreloj.

La hundoj ekfreneziĝis. Ilia ŝvito ekdisvastigis malodoron de envio en la aero, kaj iliaj nazoj tremis, kaj ili iĝis pli kaj pli koleraj. Kial la luno estu pli forta ol ili? Kial?

"Jen ĝi! Ĝi estas timema! Ĝi kaŝas sin! Ĝi rifuzas lukti kontraŭ ni! Malkuraĝulo! Malkuraĝulo!" kriaĉis la hundaĉoj.

Sed la luno ne kaŝis sin. Nur vaganta nubo pasis, kovrante ĝin por nelonga tempo. La luno estis pasanta serena, kun kapaŭskultiloj sur siaj oreloj.

"Jen ĝi! Jen ĝi!" ekkriaĉis la griza hundo, kaj la tuta hundaro ekkuris malantaŭ li. "Jen ĝi, la malpurulaĉo! Ĝi kuŝas en la koto! Ĝi eniras la malpuran marĉon! Jen ĝi, la malpurulaĉo!"

Kiel spegulo, la marĉo estis reflektanta la mildan lumon de la luno.

Freneza pro kolero, la griza hundo ekkuris hurlante sur la ponto, kaj la aliaj hundoj sekvis lin ankaŭ hurlante.

Ĝuste en la mezo de la marĉo, sub la ponto, oni vidis la reflekton de la luno. La griza hundo ĵetis sin hurlante en la marĉon por kapti la lunon, kaj ankaŭ la hundaro sekvis lin hurlante.

Post kelkaj minutoj, en la tremanta lunlumo, silentis la marĉo.

La luno estis trapasanta la ĉielon, kun kapaŭskultiloj ĉe siaj oreloj.

# Machado de Assis

## la enorma rakontisto de la portugala lingvo

**Paulo Sérgio Viana verkis**



Mi naskiĝis en 1948 kaj esperantistiĝis en 1962, do nun mi estas sufiĉe veterana... En 1972 mi diplomiĝis kiel kuracisto. En medicino mi laboras ĝis nun. Iam mi aktivis en Brazila Esperantista Junulara Organizo. Nun mi aktivas en mia regiono, en la Esperantistaj renkontoj, ofte prelegas en kulturkunvenoj kaj kongresoj, instruas kaj paroligas en nia klubo, en Lorena, mia urbo en la ŝtato San-Paŭlo. Mi kunlaboras kun pluraj revuoj, kaj estis premiita en Belartaj Konkursoj de UEA. Mi esperantigis plurajn librojn, interalie kelkajn de Machado de Assis kaj unu de José Saramago, la portugalia nobelpremiito, kiu afable permesis tion sen postulo de aŭtorrajtoj. Nuntempe mi agas kiel vicprezidanto de Brazila Esperanto-Ligo kaj interalie redaktas la bultenon "BEL informas".

### Kiam malsano generas romanon...

Ĉirkaŭ sia trideka aĝojaro, Joaquim Maria Machado de Assis (Rio, 1839-1908) eksuferis la unuajn atakojn de epilepsio. Oni povas facile kompreni, kion tio signifas, se oni konsideras la disponeblajn rimedojn de medicino en la 19-a jarcento. Tuj poste, intesta malsano ege konsumis liajn fortojn kaj devigis lin ĉesigi ĉian laboron kaj eĉ forveturi el Rio al la proksima montara urbeto Nova Friburgo, por kuraciĝo. La tre amata edzino Carolina akompanis lin; necesis kelkaj monatoj por reviglîĝo. La verkisto vidis la morton de tre proksime.



**Machado de Assis (1839-1908)**

Por ni, amantoj de beletro, bonŝancaj malsanoj!

Kiam komenciĝis la resaniĝo, tiam la junulo komencis verki sian plej genian romanon: "Postmortaj Rememoroj de Brás Cubas". Li estis ankoraŭ tro malforta por mem skribi; la unuajn ĉapitrojn li diktis al sia edzino. Okazis tiam radikala ŝanĝo de sinteno de Machado de Assis. Ĝis tiam, oni laŭdis kaj respektis la elegantan stiliston, iom formalan, sufiĉe sagacan, ligitan al la romantika skolo. Nun, el la ungegoj de sufero, aperis realisto, kun inklino al tranĉa ironio, miksita kun melankolio kaj pesimismo. En liaj verkoj nun vivis homfiguroj patosaj, duboplenaj, foje egoistaj, foje malkoheraj kaj ĵaluzemaj, tamen mirinde realaj. La senco mem de la vivo fariĝis amara, sen perdo de humuro.



**Machado de Assis (1839-1908)**

Tiu unua romano ene de la nova skolo fariĝis mejloŝtono en la brazila literaturo. Eĉ la modernan, tiel nomatan "fantastan realismon" ĝi iamaniere anticipis. Oni abunde analizis kaj prikomentis tiun brilan verkon, kaj eĉ filmon oni faris el ĝi.

Eble ĝia plej fama kaj reprezenta ĉapitro estas la 7-a, nome "La deliro", kiun ni prezentos al la legantoj de "La Karavelo" en la numero 3 de ĉi tiu literatura revuo, por antaŭĝuo de la tuta verko.



**Faksimilo de paĝo manskribita de Machado de Assis**

## Pri Machado de Assis



**Machado de Assis (1839-1908)**

Joaquim Maria MACHADO de ASSIS [jhwa'kim ma'ria ma'shadu da'siz] (1839-1908) naskiĝis en Rio de Ĵanejro, kaj mortis en la sama urbo. Li estis brazila romanisto, rakontisto, dramaturgo, kronikisto, poeto kaj ĵurnalisto. Inter aliaj, li estis amiko de la altstara brazila verkisto José de Alencar (1829-1877). Machado de Assis okupis dum pli ol dek jaroj la prezidon de la Brazila Beletra Akademio, kiu poste eknomiĝis ankaŭ *Domo de Machado de Assis.*

Machado de Assis okupas honoran postenon ne nur en la brazila literaturo, sed ĝenerale en la portugallingva literaturo. Multaj prave konsideras lin la plej bona rakontisto de la portugala lingvo. Mestizo, li rompadis ĉiajn barojn, kiuj lin ĉirkaŭis, dum tridek jaroj da fekunda laborado.

Li estis romantikulo, tamen ĉiam kun la pordo malfermita al la flanko de realisma observado; ia psikologo kun vualitaj ironioj kaj trankvila pesimismo. Lia verko *Dom Casmurro* kaj liaj rakontoj estas speciale legindaj.

**Romanoj**

- *Ressurreição* ("Releviĝo", ne tradukita) (1872)
- *A Mão e a luva* ("La mano kaj la ganto", ne tradukita) (1874)
- *Helena* ("Helena", ne tradukita) (1876)
- *Iaiá Garcia* ("Iaiá Garcia", ne tradukita) (1878)
- *Memórias póstumas de Brás Cubas* ("Postmortaj rememoroj de Brás Cubas", jam tradukita) (1881)
- *Quincas Borba* ("Quincas Borba", ne tradukita) (1891)
- *Dom Casmurro* ("Dom Casmurro", jam tradukita) (1899)
- *Esaú e Jacó* ("Esauo kaj Jakobo", ne tradukita) (1904)
- *Memorial de Aires* ("Memorigaĵo de Aires", ne tradukita) (1908)

**Rakontaroj**

- *Contos fluminenses* ("Rakontoj de Rio-de-Ĵanejro") (1870)
- *Histórias da meia-noite* ("Noktomezaj historioj") (1873)
- *Papéis avulsos* ("Senkolektaj paperoj") (1882)
- *Histórias sem data* ("Sendataj historioj") (1884)
- *Páginas recolhidas* ("Rekunigaj paĝoj") (1899, 1937)
- *Várias histórias* ("Pluraj historioj") (1896)
- *Relíquias de casa velha* ("Relikvoj de malnova hejmo") (1906)

**Kronikoj**

- *Crônicas*
- *A Semana*

**Poezio**

- *Poesias*

**Teatraĵoj**

- *Teatro*
- *Crítica Literária*
- *Crítica Teatral*

**Korespondaĵoj**

- *Correspondência*




**En Esperanto**

- *Teatro (Kvar komedioj)* (kompilaĵo; po homo tradukis la komediojn), eldonita de Brazila Esperanto-Ligo unuafoje en 1958.
- *Apologo*, rakonto (traduko de Alcebíade Correia Pais, en *Antologio de brazilaj rakontoj*.
- *La divenistino kaj aliaj rakontoj*, tradukita de Paulo Sérgio Viana, eldonita de Oportuno unuafoje en 2005.
- *Postmortaj rememoroj de Brás Cubas*, tradukita de Paulo Sérigo Viana, eldonita de Oportuno unuafoje en 2006.
- *Dom Casmurro*, tradukita de Paulo Sérgio Viana, eldonita de Oportuno unuafoje en 2007.

Kiel oni facile konstatas el la lastaj linioj de la bibliografio, Paulo Sérgio Viana estas la nehaltebla tradukisto de Machado de Assis, publikiginta unu tradukon, de ĉi tiu gravega verkisto de la portugala lingvo, en ĉiu el la lastaj tri jaroj. La Karavelon honoras lia kunlaboro.

***JJS***

**skribis el Vikipedio**

# Katido (rakonto)



***Irina Mironova***
**verkis**

**Naskiĝis en 1949, en regiono de Kemerovo (Siberio). Muzika pedagogo, doktoro de pedagogio, katedrestro, instruas muzikan informadikon en la Akademio de Korusa Arto (Moskvo). Esperantistino ekde 1986. Edzino de la konata esperantisto Valentin Melnikov**

Mia studtago jam finiĝis kaj mi iris laŭ unu el la malgrandaj interstratetoj apud mia instituto. Mi studis tiam en *Ŝtata muzikpedagogia instituto nome de Gnesin-familio*. Al mi plaĉis tiuj trankvilaj, preskaŭ senaŭtaj moskvaj interstratetoj. Estis bonega tago. La suno lumis, la birdetoj kantis tiel, ke oni eĉ ne povis imagi, ke post kelkdek metroj ekzistas la grandega *Avenuo Kalinin*, kiu dum la tuta tago plenplenas de homoj, aŭtoj, sonoj.

Do, mi ĝuis pro trankvileco kaj soleco, kiam preter mi traveturis granda buso *Ikarus*, sur kiu estis skribite *Inturist*. Ĝi veturis sufiĉe malrapide, sed pli rapide, ol mi iris. Veturante antaŭen je ĉirkaŭ dek metroj, la buso haltis kaj el ĉiuj fenestretoj elŝovis sin la kapoj, kiuj penis ion ekvidi antaŭe. Irante pli proksimen, mi aŭdis iom maltrankvilajn parolojn – la lingvo dekomence ŝajnis al mi hispana, sed pli atentinte, mi ekaŭdis vortojn kun finaĵoj [-ush] anstataŭ atendebla [-os], poste mi ekvidis verd-ruĝan flageton...

Kiam mi preterpasis la buson, mi ekvidis, ke antaŭ ĝi sur la vojo sidas malgranda lanuga bunta katido, kiu per grandaj verdaj okuloj rigardas al la buso.

Mi ĉion komprenis kaj volis depreni tiun simpatian katidon, sed ne sukcesis, ĉar mem la ŝoforo eliris el sia kajuto, akurate prenis la katidon sur manojn kaj reeksidis al sia loko. Ĉiuj kapoj, eliĝintaj el busfenestretoj, revenis al la buso kaj la buso denove ekmoviĝis.

Mi restis staranta surstrate. La pensoj kirliĝis. La katido estas savita, bone. Ĉu do ĉio bonas? Sed la buso jam forveturis. Eksterlandanoj malofte videblas en Sovetunio, nia lando tiam estis preskaŭ fermita... Des pli – ne el najbara lando, sed el tiom fora, je pluraj miloj de kilometroj, mi neniam pli frue vidis realajn portugalojn, kaj eble neniam ekvidos poste. Mi perdis ŝancon ekscii ion interesan... Post minuto mi iom trankviliĝis, sed restis trista. Eĉ se ili restus apude – ni tutegale ne povus interparoli ne sciante la lingvon. Kaj scii ĉiujn lingvojn oni ne povas... Ĉu senespere do? Sed devas esti iu solvo!

Mi meditis, ankoraŭ ne konsciante ĉion. Nur post jaroj la ideo kristaliĝis, kaj – mi eklernis Esperanton. Eblas diri: dank'al katido...

# En Transilvanio

## de Sándor Petõfi



***Imre Szabó***
**tradukis el la hungara**

Vagadas muĝe la aŭtuna vento.
Bruetas krake sekaj arbofrondoj,
kiel katenoj de la arestito.
Silentu, vento muĝa! Mi parolas!
Se vi ne mutos, mi vin superkrios,
kiel tempesto la virinan ploron.
Unu nacio kaj du landoj aŭdu,
kio silente ĝis nun en mi bolis,
kion el brusto nun mi disflugigas,
kiel vulkano bruligitajn ŝtonojn.
Jen en mi bolis, tio min doloris:
du landoj estas por nacio unu,
kaj ĉi dulanda estas la hungaro!
Dezerto tial estas la animo,
dezerto trista, kie loĝas tigro:
kolero sanga- kaj braĝantokula.
Ĉi sovaĝbesto kiomfoje rompis
silenton noktan de mia soleco
hurlante vaste tra l' anim' dezerta! –
Kiu diablo igis nin disiĝi,
disŝiri tiun sanktan ĵurleteron,
kiun subskribis la prauloj gloraj
trempante glavon en la propran sangon?
Ni disŝiriĝis, ĉi letero bela
iĝis ĉifonoj, kiujn forbalais,
en koton tretis muĝo de jarcentoj.
Piedtretataj ni alsendis plorojn
kaj vekriegojn en ĉielon altan,
sed niajn plendojn ĝi ne plu akceptis.
La sklavojn ne plu pretas ĝi aŭskulti,
ĉar kiu lasas jugi sian kolon,
tiu meritas ĝin sufere porti
fine falante sub la skurĝobatoj.
Se ni kuntenus nin, la mondo nian
famon rekonus: foraj ni ne estus
el la preĝejo, kie por nacioj
grandaj incenso brulas de estimo.
Nin kuntenante ni ne devus viŝi
tiom da larmoj el okuloj niaj
foliumante per tremantaj manoj
la nigrajn paĝojn de la historio.
Polveron, kiu staras unusola,
forblovas pita vento, elspireto;
sed se polveroj kunfandiĝas kreske,
se la polveroj formas fine rokon,
eĉ tempestego ĝin ne plu movetas!
Pripensu tion, ni hungaroj disaj,
kion mi diris – nova ne, sed vera.
La skua vento de l' eventoj nun ne
blovas momente, kaj ĉiuj polveroj
senĝene kuŝas en sekura loko;
sed se atakos vento antaŭ ol ni
fandiĝus, ĝi nin ĵetos poreterne
en ĉiujn partojn de la mondo vasta,
kaj ni neniam povos nin retrovi.
Ni strebu! La jarcento ja gravedas,
naskiĝos tagoj grandioze gloraj,
danĝeraj tagoj de la mort' kaj vivo.
Ni plektu manojn, por ke ni ne timu
tremante, se alvenos la gigantoj!
Ni ĵuru per ĉi man-en-mano sankta;
ni ĵuru fidon, ho nacio kara!
Kiu unua donos manon, tiu
havu rekonon, dankon kaj gloregon;
Kiu akcepti ĝin hezitos? Kovru
polvojn de tiu la malbenoj ĉiuj,
kiujn sur niaj tomboj idoj plantos
anstataŭ florojn de estimo. Idoj,
ni poreterne kiujn fikripligis.



**Sándor Petõfi**
**(1823-1849)**

# La skribisteto (1)

## de Guido Gezelle (2)



*Leo De Cooman*
**tradukis el la nederlanda**



Turniĝadanta, zigzagadanta akvobesteto,
kun via nigra ĉapeto,
tre plaĉas al mi la fervora kapet'
skribadanta sur la laget'!
Vi vivas kaj kuras, hastege moviĝas,
kvankam videblas nek brako nek krur';
vi stiras, bonege la vojon vi scias,
tamen okulo troveblas nenie.
Kio vi estis aŭ estas aŭ estos vi?
Klarigu, mi petas, kaj diru al mi!
Kio vi estas, butoneto brilanta,
neniam laciĝanta pro la skribad'
Vi kuras sur l' akvo helege spegula
kaj l' akvo moviĝas ne pli
ol se estus nur glata venteto,
pasanta silente sur ĝi.
Ho, skribistetoj, skribbestetoj, vi diru al mi. -
dudekopaj vi estas, eĉ pli,
ĉu eĉ estas ne unu por diri al mi:-
Kion skribas, skribadas vi tiom rapide?
Vi skribas sed nenio postrestas sur l' akvo,
via skribaĵo tuj malaperas, foriĝas;
neniu komprenas signifon de ĝi:
aĥ, skribistetoj, klarigu al mi!
ĉu fiŝetoj, pri kiuj vi skribu?
ĉu herbetoj, pri kiuj vi skribas?
ĉu rulŝtonoj, folietoj aŭ dolĉaj floretoj,
aŭ ĉu la akvo, sur kiu vi flosas?
ĉu birdetoj kaj ties kanta pepado,
aŭ ĉu la blua volbego,
kiu sube kaj supre brilegas profunde,
aŭ ĉu temas pri vi, skribisteto, vi mem?
Kaj turniĝadanta, zigzaganta besteto,
kun sia nigra manteleto,
rektigis sin lerte, l' oreletojn akrigis ,
kaj haltis dum unu momento:
"Zigzage", ĝi diris, "ni skribas kopie,
kion nia mastro ĉe la komenco,
farante nin, instruis nin fari,
unu lecionon, ne malpli, ne pli;
ni skribas - ĉu vi ne povas ĝin legi,
ĉu tiome vi stultas?
Ni skribas, reskribas, skribadas denove
la sanktan nomon de Di' !"

**Guido Gezelle** (1830-1899) [NED: ´hido he'zele] estis romkatolika pastro kaj poeto.

Li naskiĝis en Bruĝo, en regiono de Flandrio, kie li loĝis preskaŭ sian tutan vivon. Guido pastriĝis en 1854, kaj laboris kiel instruisto kaj kiel pastro en Roeselare kaj Kortrejko.

Li mortis en malgranda ĉambro, kie eĉ nuntempe ne estas permesate eniri. Guido estis filo de Monica Devrieze kaj Pieter Jan Gezelle, flandra ĝardenisto en Bruĝo.

Estas muzeo de liaj verkoj en Bruĝo, proksime de la angla monaĥejo, kie li pastris.

Guido provis disvolvi sendependan flandran lingvon, pli malpli aparta el la nederlanda.

Liaj verkoj estas tre ofte religiaj, kompatigaj kaj pri la naturo.

**NOTOJ**

**1.** Skribisteto: *Gyrinus natans* = *Gyrinus natator*, eta nigra koleoptero, kiu serĉas nutraĵon naĝante tuj sub la akvosurfaco, turniĝadante.

**2.** *Het schrijverke* (1857), en *Plena poemaro*, (*Volledige Dichtwerken*), p.209. El la flandra varieco de la nederlanda esperantigis Leo De Cooman ['leo de 'koman].

# La plej granda homa doloro

## soneto de la portugala romanisto Kamilo Kastelo Blanko

***João José Santos***
**tradukis la poemon el la portugala,**
**klarigis ĝin historie,**
**verkis la biografion de Kamilo.**



*Okaze de la sinsekvaj mortoj*
*de la du unuinuraj filoj de Teofilo Brago.*

Enormaj agonioj ve formiĝis
sub l' okuloj de Dio! Hor' sinistra
kiam elis la Homo! Aŭror' nigra!
Li far sortoj amaraj ve sklaviĝis!

La manoj funebrintaj koran filon,
levataj serĉas Dion, la Fid' petas...
Kaj kion la Ĉielo tuj ripetas?
La manoj tuŝas nun mortan filinon.

Kaj jen... patro koŝmare en tenebroj,
la filajn ombrojn palpas kie beboj
naskiĝis, floris, mortis...! Ve la povraj!

Nenio helpas patron en angoro...
Vi estas koro ŝtona pro doloro,
vivanta tombo de du filoj mortaj.

Kamilo Kastelo Blanko
(1825-1890)

**NOTOJ**
**1. Kamilo Kastelo Blanko**
**(PT: Camilo Castelo Branco [ka'milu kash'telu 'brãku])**
**2. Teofilo Brago**
**(PT: Teófilo Braga [tjófilu 'braga])**

### Pri la poemo...

Iom strange ke en la subtitolo oni aludas al poemo de romanisto. Kial ne de poeto? Okazas ke Kamilo Kastelo Blanko estis ĉefe romanisto; fakte li estis la plej prolifera portugallingva literaturisto. Tamen, lia brila literatura talento ankaŭ produktis aliĝenrajn verkojn. Eĉ multaj portugaloj ne tion scias, pensante ke li nur skribis amnovelojn.

La rilato inter literaturistoj, kaj inter artistoj ĝenerale, ĉiam estis faritaj el grandaj amikecoj kaj grandaj spitoj. En la tempo de Kamilo, la 19-a jarcento, multaj aliaj literaturistoj brilis en Portugalio, kaj ĉie en Eŭropo. Unu el ili estis Teofilo Brago, kiu konatiĝis kiel juristo, politikisto kaj literaturisto. Teofilo estis la dua Prezidento de la Portugala Respubliko, de majo al oktobro de la jaro 1915. Kamilo kaj Teofilo ne ŝatis unu la alian pro literaturaj spitoj, kiuj generis malestimojn. Inter la fino de 1886 kaj la komenco de 1887, la morto forrabis, unu post alia, la du gefilojn de Teofilo, kies tria filo jam estis mortinta. Kvankam literatura malamiko de Teofilo, Kamilo komprenis la ĉagrenon de tiu viro, kaj verkis la plej eldoloran soneton pri la ĉagreno pleja, al kiu li nomis "La plej granda homa doloro": la perdo de la gefiloj. Kamilo, kvankam temperamenta homo, ne povis ne kunsenti la ĉagrenon de la malamiko, ĉar ja lia dua filo estis skizofreniulo kaj jam estis mortinta, kaj la malplej aĝa estis aventurema kiel la patro. Krome, Kamilo perdis aliajn gefilojn dum sia vivo. Do, al Kamilo la vivo ne ŝparis turmentojn.

Ĉi tiu kapablo kompati la malfeliĉon de malamiko estas unu el la humanismaj trajtoj de la portugala popolo, kiu en 1974 finis 48 jarojn da faŝismo per sensanga revolucio, kiun ni nomis "La Revolucio de la Diantoj", ĉar la popolo metis diantojn enen de la pafiloj de la soldatoj.



## Biografio de Kamilo

**Kamilo Kastelo Blanko** naskiĝis en Lisbono, la 16-an de marto 1825. Dujaraĝe, la patrino mortis, kaj nur post tiu morto la patro leĝigis lin kiel filon. En 1830 komencis li siajn studojn en Lisbono. En 1835 mortis la patro. Dekunujaraĝe, en 1836, Kamilo transloĝiĝis al la urbo Vilorealo de Transmonto (PT: Vila Real de Trás-os-Montes ['vila re'al de 'trazushmõtesh]), por loĝi en la hejmo de patra onklino. Tie li studis la portugalan, la latinan kaj la francan, kaj ankaŭ teologion, cele al pastriĝo. Lia instruisto estis pastro, kiel kutime okazis en tiu epoko. Tiam li multe legas la klasikulojn.

Nur deksesjaraĝa Kamilo edziĝis unuafoje. Prepariĝis tiam por la universitataj studoj. En 1843 naskiĝis lia filino Rozo (PT: Rosa ['roza]), kaj li decidas enskribiĝi en la Medicina Fakultato de Oporto. Tiam li jam estis verkinta de antaŭ jaroj, kaj lia dediĉo al la verkado estis multe pli granda ol lia dediĉo al la regulaj studoj.

En 1846 Kamilo enpasiiĝis al la kuzino Patrisjo Emiljo (PT: Patrícia Emília [pa'trisia e'milja]) kaj fuĝis kun ŝi al Oporto. La justico persekutas lin pro plendo de la gepatroj de Patrisjo. Eklaboras en diversaj gazetoj, kaj verkas, verkas, verkas.

Post la morto de la edzino, en 1847, li transloĝiĝas al Oporto, kie vivas bohemie kaj skandale. La filino mortas kaj naskiĝas alia filino.

En 1850, ekloĝas dum kelka tempo en Lisbono, kie li vivteniĝas ekskluzive de la literatura laboro. Tiam li ekkonas la fatalan amon de sia vivo: Anna Plasido (PT: Ana Plácido ['ana 'plasidu]), fianĉino de Manuelo Pinjejro Alvo (PT: Manuel Pinheiro Alves [manu'el pi'njejru 'alvesh]). Eĉ tiel, enpasiiĝanta al Anna, li envolviĝis en amrilato kun oporta monakino. Anna edziniĝas al Manuelo, kaj Kamilo, romantikeme, eniras la kurson de teologio de la Universitato de Oporto, sed rapide forlasas ĝin. Starigas du religiajn gazetojn kaj daŭre kunlaboras en aliaj gazetoj, kaj verkas kaj verkas.

En 1857, Kamilo translokiĝas al Viano de Kastelo (PT: Viana do Castelo ([vi'ana du kash'telu]), kiel redaktoro de gazeto. Anna, jam edziniĝinta kun Manuelo, ankaŭ iras tien sub preteksto apogi malsanan fratinon. Ilia amrilato fariĝas skandale publika. Sub propono de Aleksandro Herkulano (PT: Alexandre Herculano [al'shandre erku'lanu]), alia enorma portugala verkisto, oni elektas Kamilon kiel anon de Reĝa Akademio de Sciencoj (PT: Academia Real das Ciências [akade'mia re'al dash si'ensiash]). Tiam, Kamilo kaj Anna ekloĝas kune, kaj fuĝas de urbo al urbo por fuĝi de la justico, ĉar tiam la adulto estis laŭleĝe krimo en Portugalio. En 1859, naskiĝas la filo Manuelo Plasido (PT: Manuel Plácido [manu'el p'lasidu]), leĝa filo de la edzo de Anna, sed tre simila al Kamilo.


N23/3

Se me julgam ser feliz
Tirem-me o fel, e verão
Que souberão o que eu sou,
Sem o que não saberão

Meu irmão a quem matei
Com tremenda ingratidão
Recebeu do eterno o premio,
E eu do céo a maldição!

Conceito

Quem lhe vir os bellos olhos,
Quem lhe ouvir a expressão
Sentirá pura amizade
Nascer-lhe no coração.

22 de Maio
1853.

Camillo Castº Brº

Faksimilo de poemo de Kamilo.

La edzo de Anna plendis ĉe la justico. Anna estis arestata en 1860, Kamilo ankoraŭ fuĝas dum kelka tempo, sed finfine sin prezentas al la polico. Tiam li restas en prizono de Oporto, kie la propra reĝo Don Petro la 5-a lin vizitis. Finfine, en oktobro 1861, ambaŭ estis liberigataj far juĝisto kiu, kurioze, estis la patro de alia granda portugala verkisto, Eso de Kejrozo (PT: Eça de Queirós ['esa de kej'rosh]).


Anna, Manuelo kaj Kamilo.

En 1863, naskiĝis en Lisbono la dua filo de la geparo, Georgo (PT: Jorge ['jhorjhe]), kiu estiĝis unu el la plej grandaj problemoj de Kamilo, ĉar tiu filo estis skizofreniulo kaj drinkemulo, kvankam en kelkaj lucidaj momentoj montris artan lertecon. Mortis la unua edzo de Anna Plasido. La unua filo de la geparo, Manuelo, heredis ĉion, ĉar laŭleĝe li estis filo de Manuelo. La familio ekloĝis en la eksa domo de Manuelo, en San Mikaelo de Sejdo (PT: São Miguel de Ceide ['sãw mi'gel de 'sejde]). Naskiĝas la tria filo, Nuno (PT: Nuno ['nunu]), kiu estiĝis viro aventurema kaj bohemia kiel la propra Kamilo. Dum la postaj jaroj, Kamilo sukcesis la famon kaj agnoskon de grava portugala verkisto.

Kvankam la familia domo restis porĉiame la domo de San Mikaelo de Sejdo, Kamilo loĝis portempe, jen en Lisbono, jen en Koimbro, jen aliloke. La filo Georgo mortis. Kamilo ekhavis vidproblemojn, kiuj akriĝis ade ĝis la morto.

En 1881, jam 56-jaraĝa, li partoprenis kun la filo Nuno en la forkapto de junulino por edzinigi ŝin al Nuno. La rilatoj kun la filo degeneris, kaj Kamilo lin forigis el la hejmo en 1882. En 1883, turmentita de monaj malfacilaĵoj, aŭkcias sian propran bibliotekon. En 1885, finfine oni aldonas al li la titolon por kiu li luktis dum dekkvin jaroj: vicgrafo. En 1888, nia genia novelisto finfine edziĝas kun Anna Plasido, la amo de sia vivo, sinjorino kiu ankaŭ estis poeto.

Perturbita, ĉagrenita, malsana, senmona, kaj finfine blinda, Kamilo ne plu povis verki. En la 1-a de junio 1890 mempafis sian kapon, mortante lante en agonio, en sia verkejo de la domo de San Mikaelo de Sejdo.


Domo en San Mikaelo de Sejdo, vilaĝeto norde de Portugalio.







La portugala popolo ĉiam agnoskis la geniecon de Kamilo per statuoj, poŝtmarkoj, monbiletoj, stratnomoj, i.a., kaj legante la verkojn de la genia novelisto. Lastatempe tiuj verkoj estas tre multe aprezitaj en bonaj telenoveloj. La novelisto jam mortis en 1890, sed la sentoj pri kiuj li verkis, la amo, la pasio, la maltoleremo, k.c., estas eternaj.

# Lasta Toreado en *Salvaterra*

## de Rebello da Silva

***Eduardo Novembro***
**tradukis el la portugala**
**notoj de JJS**

Lia sinjora moŝto Jozefo, la unua laŭnome, estis reĝo ferianta en *Salvaterra*. Nu, la klaĉemuloj kaŝe rimarkigis, ke, en Lisbono, li ĉiam **tornis**, dum la markizo de Pombalo **tronis**. Tio baziĝis sur la meĥanika lerteco de la monarko kiel tornisto, kaj la ordonema karaktero de la markizo kiel ministro.

Vigle verdiĝis la kampoj en plena printempo. Per floroj kovriĝis la migdalarboj, per folioj la arbetaro; plugebenaĵoj sin vestis kaj ornamis. Blovetanta vento petolis kaj maldiskrete taŭzis kaptukon de preterpasanta fraŭlino aŭ ŝtelis kison de parfumita rozo. Ĉio estis ĝojoj kaj kantikoj… najtingaloj en veprejoj, koroj ĉe amo, ridetis naturo sub origanta belbrilega suno.

Reĝa toreado venigis la kortegon al *Salvaterra*. En ĉi tiuj okazoj la nobeloj elspiradis malpli opresitaj, ĉar la ministro ne ĉeestis por ektimegigi ilin. Bravaj estis la taŭroj, spertaj la rajdistoj, pompa la amfiteatro, ĉarma la sekvantaro de damoj. Plezuro ridis ĉe ĉies buŝoj. Plie, la markizo estis retenita en Lisbono pro la konflikto kun la hispana ambasadoro.

Ĉe la palacanguletoj oni flustre klaĉadis pri la dialogo okazinta inter la hispana sendito kaj la portugala kanceliero, kiun iuj laŭdis laŭtvoĉe por ke tiuj muroj resonigu la flatadon, kaj aliaj senkompate lin krucumis por sategigi malamojn. La bigotulinoj kaj puritanaj nobeloj estis favoraj al la hispano kaj petis Dion por ke la antaŭsignoj de ebla milito defaligu la nobeligitan plebanon. Juĝistoj kaj akademianoj pledis por la markizo kaj respondis per duonridetoj al la flamiĝantaj preĝoj de la tronaj kaj altaraj fervoruloj. La markizo de Pombalo estis neflekseble rifuzinta la forcedojn postulatajn de la hispana estraro.

Markizo de Pombalo
Ĉefministro de la reĝo
(1748-1812)
(PT: Marquês de Pombal)
[mar'kesh de põ'bal]

— Nu… — minacis la ambasadoro — sesdekmilhoma armeo eniros Portugalion kaj faros…

— Kion? — demandis la markizo per sia plej indiferenta tono, ridetanta, kaj kun la tremiga nazumo starigita.

— … Komprenigos la pravecon kaj justecon de mia moŝta reĝo kaj sinjoro al via majesta moŝto kaj al via ekscelenco! — replikis iom pli laŭte la hispano, kredante ke la ministro restus fulmofrapita.

Sebastião José de Carvalho [1] kuntiris la brovojn, mienis pli severe, celis sian rigardon kaj nazumon sur la diplomaton, kaj glacie rebatis:

— Sesdek mil homoj tro multe estas por tiom malgranda domo, sed kun dia helpo, mia mastro kaj sinjoro ja provos trovi lokon por ilin enloĝigi. Malpli granda estis Alĵubaroto kaj tie eblis enteni ĉiujn kiujn lia moŝta Johano de Kastilio kunportis. Via ekscelenco povos ĉi tion respondi al via estraro.[2]

Kaj stariĝante por forpermesi la ambasadoron, li aldiris:

---

1 Sebastiano Jozefo Karvaljo Melo, markizo de Pombalo (PT: Pombal [põ'bal]), grafo de Oejro (PT: Oeiras [u'ajrash]), estis tre grava tiatempa politikisto, kiu, i.a. faritaĵoj, rekonstruis Lisbonon post la tsunamo de 1755.

2 La fajna respondo de la markizo de Pombalo montris: unue, falsan gastemon, kvazaŭ li estus kompreninta mise ke la hispano ne estis minacanta Portugalion, sed volus veni kun sia militistaro por gastiĝi ĉe la reĝo; due, la markizo aludas al la granda batalo de 1385, la batalo de Alĵubaroto (PT: Aljubarrota [aljhuba'rota]), en kiu tre malmultaj portugaloj venkis la grandegan kastilian militistaron, danke al ruza milita tekniko. La portugala reĝo estis tiam Don Johano la 1-a, kaj la kastilia reĝo nomiĝis same Don Johano la 1-a. Tiam, inter 1383 kaj 1385, oni mortis pomile pro malsano kaj malsato en Lisbono por ne perdi la nacian sendependiĝon, plensukcese.

— Via ekscelenco bone scias, ke ĉe si ĉiu homo tiom povas, ke eĉ post mortinta, kvar viroj nepras por lin forporti![3]

La ambasadoro foriris ĵurante per Dio kaj la Plej Sankta Virgulino, kaj la markizo sin pretigis por milito.

Okazas, ke Sebastião José de Carvalho estis kuraĝega ministro, kiu multe elfaris favore al la nacio. Hodiaŭ malplimultaj estas tiuj, kiuj kapablas respondi laŭlitere al tiaj fremdo-devenaj minacoj. Oni forte kriegas, oni profunde dormas sub sonado de patriotaj himnoj, sed post frumatena salvo el la kastelo, jen la patrio savita[4].

La markizo de Pombalo alte estimis beletron, kaj ankaŭ patronis kaj vigligis mezklasojn. Tiun etan progreson, kiun la regno tiam spertis, nur al li oni ŝuldis. Se la industrio neniam sukcesis eliri el sia infaneco, pro tio kulpis la postvenontaj malbonaj estraroj, kaj ankaŭ la popolo, kiu ne volis vere labori…[5]

Sed ni reparolu pri la reĝaj taŭroj. Tiujn la markizo tute ne ŝatis. Li volis ilin jungitaj al la plugilo, ne sub la banderilo; plie li opiniis, ke la toreistoj, kiel nobeloj, pli bone servus la ŝtaton per plumo aŭ spado, kaj, kiel profesiuloj, plugus, teksus kaj honeste perlaborus sian vivtenon por riĉigi sin kaj la nacion.


Don Jozefo
Reĝo de Portugalio
(1714-1777)
(PT: Dom José) [dõ jhu'ze]

Kvankam lia moŝta reĝo Jozefo pri ĉio cedis al la markizo, rilate al taŭroj li ne permesis kontraŭdirojn[6]. Ĉi-okaze li estis malcedema, vere obstina. La nobeloj tion bone sciis, kaj tial ili ĝuadis dolĉajn plezurojn: la kontentecon de la nacia gusto kaj la kontraŭstaron al la ministra volo. Ĝin malatenti senriske kaj kun apogo de la suvereno mem estis por ili delekto kaj triumfo.

Ĉe tiuj ĉi festoj, severeco ne regis la lastajn etiketojn. Alia kialo por sin ĝojegi. Oni povis laŭvole tute senmoniĝi per aĉetado de luksaj roboj, ornamaĵoj kaj harararanĝoj. La brodaĵoj kaj brokaĵoj, veluraĵoj kaj silkaĵoj el eksterlando tajlitaj je la franca modo, brilegis kvazaŭ stelaro el perloj kaj diamantoj[7]. Sur la plej riĉaj kostumoj kun plej okulfrapaj koloroj malvolviĝis la frizitaj bukloj de pudritaj perukoj. La damoj vante elmontradis la graciecon de siaj belmovoj, kaj tufoj; laŭ la kapricaj tondofasonoj, kiuj enkadrigis siajn belajn ovoformajn vizaĝojn, ili ridetis al la ĝentilaj fanfaronistoj, kun siaj okuloj plenaj de promesoj entuziasmigantaj eĉ la timemulojn.

Oni glitigis la kurtenojn de la reĝa tribuno. Komenciĝis la muziko[8]. Alveninte la reĝo, tuj poste eniris en la loĝiojn admirinda sekvantaro montrante ondumantan oceanon da kapoj kaj plumoj. Sur la areno trumpetoj, fanfaroj, timbaloj, sonorigas gajecon. Aperas la rajdantoj, ĉiuj distingitaj nobeloj, apogante la malsupran pinton de la pikstangoj sur la piedingoj; ankaŭ kun blazonoj brodìtaj sur la veluraj ĉevalaj ĉabrakoj. Ĉapelplumoj kliniĝas antaŭen kun buntaj kokardoj, kaj la spadoj ene de ĉizitaj ingoj pendas de superbaj traŝultrozonoj. La incitistoj kaj taŭroprenantoj sin prezentas elegante vestitaj laŭ antikva kastiliano. Ĉies mienoj brilas fervore kaj entuziasme.

El inter la ĝentlemanoj, la grafo de Arcos plej altiris ĉies atenton: lia kostumo el nigra veluro, tondita laŭmode de la kortego de Ludoviko la 15-a, elstarigis lian elegantecon. Sur la mantela krispo kaj korsaĵo videbliĝis la fajnaj puntoj de la kravato kaj manumoj. Ĉe la genuoj artifike elmontriĝis neĝblankaj batistaj tufoj. La grafo ne surpasis komunan staturon, sed estis svelta kaj proporcia, ĉiuj

3 Terura la markizo ne eltenas sin kaj daŭre mokas la ambasadoron, dirante ke post la morto ĉiuj estas eĉ pli fortaj, ĉar estas necese minimume kvar homoj por forpreni lin, tamen unu sufiĉas por lin mortigi.

4 Unu el la trajtoj de la portugaloj, malfacile komprenebla far ksenoj: portugaloj ĉiam parolas aĉe pri si mem kiel anoj de sia popolo, estas tre individuemaj, sed se la grupo estas vere minacata, mirinde ariĝas kun granda patriamo. La esprimo de Rebelo daŭre estas aktuala.

5 (same)

6 Ankaŭ en la nuna Portugalio, kelkaj ame deliras pro la toreado, dum aliaj malŝategas tion. Vidu la lastan bildon kiu ilustras la rakonton.

7 Eta aludo al la magneta altiro sentita de la portugaloj al la modo ekstera, fremda, ksena, ĉefe se luksa kaj socie bone akceptita. Tiu altiro enkadriĝas en pli ĝenerala sento de ksenamo.

8 Temas pri kvazaŭmilitaj blovnotoj kiuj indikas la komencon de la spektaklo de toreado.

liaj movoj estis graciaj. Liaj vangoj estis iom palaj, tamen grandesprime animitaj, sed brilego en liaj nigraj okuloj fulmis tiel intense, foje tiom vivige, ke tio iĝis nerezistebla. Filo de la markizo de Marialva, ege amata disĉiplo de sia patro — la plej bona portugala rajdanto, kredeble de Eŭropo —, surĉevale la nobleco kaj simpleco de lia teniĝo ravis alies okulojn. Li kaj la kurĉevalo, unupece alĵustigitaj, kreis la bildon de la antikva centaŭro[9].

Lia fiera trairo tra la areno per sen pena bridado de la rajdbesto okazigis adajn kaj reajn aplaŭdojn. Je la tria ĉirkaŭiro li altrudis al la ĉevalo preskaŭan genuiĝon antaŭ ia loĝio[10], kio igis tiean damon konfuzite kaŝi sub ŝaleto siajn vivegajn vizaĝajn pometojn; ĉi tiuj certe elmontrus prudan sekreton se pro tiom pasema momento, kvazaŭ fulmekbrilo, iu povus diveni tion, kion nur ili ambaŭ sciis.

Post kiam la junulo lin salutis lastfoje, la reĝo ridetis, kaj, sin turnante, diris:

— Kial la grafo venas al la festo preskaŭ funebre vestita?

La batalo komenciĝis.

Nia intenco ne estas priskribi toreadon. Ĉiuj jam al ili ĉeestis[11], kaj elmemore konas kion rimarkindan la spektaklo oferas. Ni diru nur, ke la bovoj estis purrasaj kaj toreotaj neglobigitaj[12] laŭ la hispana modo. Nenio malpliigis do la eblojn de danĝero kaj poezieco en la lukto.

Kelkaj taŭroj estis pikitaj. Oni denove malfermis la virbovarejan pordon, ellasante nigran kornohavan beston, kiu impetis en la arenon. Jen vera cirkbovo. Longaj kornoj ĉepinte volvitaj supren, maldikaj nervozaj kruroj, indico de leĝereco, rapidaj kaj abruptaj movoj — antaŭsigno de eksterordinara forto. Tuj post atingi la arencentron ĝi haltis kvazaŭ blindigita, skuis la kapon nerveme, forte skrapegis surgrunde, kaj ellasis minacan muĝadon tra la silento postvenanta la manfrapadojn kaj ekkriojn de la spektantoj. Post nelonge la incitistoj transsaltinte la palison tuj forfuĝis pro la miriga rapideco de la besto, kaj du aŭ tri mortontaj ĉevaloj montris vundspurojn de ĝia furiozo.


Toreado sur ĉevalo, la kutima en Portugalio.

Neniu rajdisto aŭdacis alfronti ĝin. Estiĝis paŭzo. La taŭro tretis la arenon minaceme kaj ŝajnis vane defii kontraŭulon. Subite oni vidis la grafon de Arcos, firme sur sia selo, provoki la bestian impeton; la fleksebla stango grincis kaj klakis, enŝovante la feron en la bovan dikmuskolan nukon. Tremiga bleko, enorma aklamado el la tuta amfiteatro, kun triumfaj sonoj de trumpetoj kaj fanfaroj, finis ĉi tiun brilegan faron. Kiam la nobela junulo preterrajdis sub la loĝio fronte al kiu li antaŭe estis genuiginta la ĉevalon, leĝera neĝblanka mano de iu damo faligis rozon; la grafo, belmove kliniĝante de sur la sellignoj, ĝin plukis elgrunde ne malakcelante la kuradon, ĝin portis al la lipoj kaj ĝin metis ĉebrusten. Li poste ekatakis la taŭron, senmovigita pro koncentrita kolerego, rondiris ĉirkaŭ ĝi mallarĝigante la cirklojn ĝis preskaŭ permane tuŝi ĝian kokson.

La junulo maltimis danĝeron, kaj eĉ de la morto repagita pro la ridetoj, kiujn liaj okuloj de malproksime ŝtelis, li aŭdacis pikstange pinĉi la taŭron ĉe la fronto. Ekimpetis la besto kun blinda kaj nerezistebla furiozeco. La ĉevalo, trapikita, renversiĝis, kaj la rajdanto, ĉekrure vundita, ne sukcesis leviĝi. Revenante sur lin, la furioziĝinta bovo ĵetis la grafon aeren, atendis la korpan falon sur siajn kornojn, surtretadis lian bruston, kaj ĉesis nur post certiĝi, ke sia malamiko ne plu moviĝis kaj jam estis kadavro.

Ĉi tiu doloriga sortobato okazis fulmorapide. Elfinita estis la tragedio antaŭ ol tute estingiĝis la eĥo de la lastaj aplaŭdoj.

Tuj poste, iu silento entenanta milojn da afliktiĝoj mutigis la cirkon. La reĝo, vasaloj kaj damoj, duonkorpe kliniĝantaj sur la loĝiaj balustradoj, fikse kaj senspire rigardadis al la areno kaj poste levis la okulojn al la ĉielo, kvazaŭ sekvantaj la sangmakulitan animon tien flugantan.

9 La toreado estas luksa spektaklo, farita ankaŭ el belaj vestaĵoj kaj elegantaj teniĝoj, el la lerto de la kavaliroj, el muziko, multe da brillumo,... ne nur el sango.

10 Ne nur la taŭroj suferas...

11 Rebelo ne povis scii ke iam Eduardo Novembro tradukos lian verkon por literatura ĝuo de internacia publiko, kiu plejparte neniam spektis toreadon.

12 Tio signifis ke la kornoj de la taŭro estis sen ajna protekto, kio povus esti fatala ĉe akcidento.

Kiam la juna rajdanto, aeren renversita, forlasis vivon antaŭ ol teren fali, akra ĝemo, konsistanta el singultoj kaj plorado, trafis la kadavron, kvazaŭ fajra larmo. Sveninta damo, subtenata de alies brakoj, estis eliginta tiun stridan ekkrion, ekstrema korveo enbruste diskrevanta.

Lia moŝta Jozefo, kun la manoj sur la vizaĝo ŝajnis ŝtoniĝinta.

Ĉifoje la nobelaro estis plenkore solidara pri lia doloro.

Sed la dramo ne estis ankoraŭ finiĝinta. Kiu scias?! Hororo kaj kompato estis tranĉontaj novajn ĉagrenojn ĉe ĉies brustoj.



Nuna toreejo de *Salvaterra* kaj statuo omaĝanta la toreadon.

Ĉion la markizo de Marialva estis spektinta de sia loĝio. Sin revidante en la ĝentileco de la filo, liaj okuloj sekvis ties agadon kaj radilume brilegis je ĉiu sukcesa tukincita movo. Tuj post enirado de la nigra taŭro, sombre nubiĝis lia grizita mieno. Kiam la grafo de Arcos ekiris por ĝin stangpiki, la patra vizaĝo kuntiriĝis, kaj ties rigardo ne plu deturniĝis de la riska lukto.

Neatendite la maljunulo ellasis sufokan dolorkrion, kovris la okulojn kaj premis la manojn sur la kapo. Jen konfirmitaj liaj timoj. Ĉevalo kaj rajdanto falruliĝis sur la arenon, kaj la espero restis pendanta de subtila fadeno. Ĝin rapide fortanĉis la morto, kaj la markizo, perdinte la filon, lumon de sia animo kaj fieron de siaj blankharoj, neniun vorton eldiris, nek ununuran larmon verŝis; sed liaj genuoj treme subfalis sub la pezo de tiom afliktiga ĉagreniĝo.

Tamen li rekonsciiĝis post kelkaj momentoj. La livida paleco de lia vizaĝo tuj febre ruĝiĝis. La hirtaj kaj taŭzitaj haroj malorde elfalis sur la frunton plena je frida ŝvito, kvazaŭ ketoj de furioziĝinta leono. El la malviglaj okuloj ekbrulis momente, sed terure, funebra fulmobrilo de kolero stakiganta tutan avidemon je venĝo pro ĉiuj suferitaj sufokdoloroj.

Per rapida impeto, li reakiris majestan kaj vertikalan sintenon, kvazaŭ tra liaj vejnoj fluus la sango de la ĵus perdita junulo. Instinkte lia mano moviĝis flanken por malingi la flambergon, sed malĝoje li balancis la kapon. Sian bonan spadon li mem estis ĉirkaŭliginta al sia ido en tiu tago, kiu iĝis poreterne funebra ĉe lia familio.

Rifuzinte ion ajn aŭdi, neŝanceleble kaj senhezite li descendis laŭ la amfiteatraj ŝtupoj, kaj ignoris la surkape blankiĝantajn sepdek jarojn.

— Lia moŝta reĝo postulas, ke via ekscelenco, markizo de Marialva, nepre atendu liajn ordonojn! — diris ĉambelano lin retenante ĉe la brako.

La maljuna nobelo tremis kvazaŭ neatendite vekita, enigis en la parolanton siajn halucinigitajn okulojn, el kiuj eliris koncentrita brilego de neŝanĝebla penso. Poste li forpuŝis la detenigan manon kaj malsupreniris du pliajn ŝtupojn.

— Lia suverena majesto opinias, ke hodiaŭ jam okazis ĉi tie eksterenorme doloriga malfeliĉo, kaj ne volas perdi samtage du el siaj vasaloj… Ĉu vi, markizo, malobeos la reĝajn ordonojn?

— Nia moŝta reĝo obeigas la vivantojn, sed mi estas mortonta! — rebatis la maljunulo per akra kvankam svenanta voĉo. — Tiu estas la korpo de mia filo! — kaj almontris al la kadavro.— Jen tie! Lia majesto ĉion povas krom senarmigi patran brakon… krom malhonori la blankajn harojn de la vasalo, kiu lin servas de tiom da jaroj… Lasu min transiri, kaj diru tion ĉi.

Vidinte la markizon stariĝi, lia moŝta Jozefo tuj komprenis ties decidon. La neniam pridubatajn vortoj kaj lojalecon de sia ĉefstribisto li tre alte estimis. El la vasala voĉo nur la veron li estis ĉiam aŭdinta, kaj la eblo tiamaniere perdi lin estis neeltenebla por la reĝo; eksciinte pri lia malkonformiĝo al sia postulo, li fariĝis pala kaj konvulsie kunmetis la dentojn; kliniĝante eksteren el la tribuno li anksie kaj silente atendadis la katastrofan finiĝon.

Dume jam la markizo surtretis la arenon, firma, sentima, kiel la antikvaj romanoj alfrontantaj la morton. Enbruste lia koro ploregis, sed la senakvaj okuloj bruligis la larmojn suprenverŝontajn tra ili. Antaŭ ĉio li volis venĝon.

Je tuja ekpuŝo la tuta amasiĝo stariĝis. La konsternitaj mienoj kaj akvoplenaj okuloj esprimis tiun dolorigan spiritan streĉon, en kiu unu sento ŝajnis koncentri ĉiujn: Lasu ke la maljuna nobelo pluen iru! Senegala estas la ĉagreno ĵus travundanta lin. Flamiĝanta malespero lin provizas per vivigon kaj energion. Lasu lin iri pluen, kaj surgenuiĝu! Salutu la majestecon de misfortuno!

La ĉagreniĝinta patro genuiĝis apud sia filo, sur kies frunto li florumis kison. Poste li mallaĉis lian traŝultrozonon, levetis la inertan korpon, prenis la spadon elgrunde, kaj per la okuloj laŭiris ĝian akraĵon ĝis la dutranĉa pinto. Sekve li prenis la mantelon surbrake kaj kovris sin. Momenton poste jen li staranta meze de la areno, lia arda rigardo batalprovoke scintilanta al la taŭro.

Kvankam li estis premita de tiom da kruelaj kortuŝoj, lia mano ne timtremis, kaj la piedoj fikse enradikiĝis ĉegrunde, kvazaŭ ia okulta kaj supernatura potenco estus subite tien algluinta ilin.

Frostiĝinta silento ekestiĝis en la cirko, tial ke oni povus eĉ aŭdi la pulsobatojn de la markizo, se en tiu bronza animo la koro valorus pli ol lia propravolo.

La taŭro impetas kontraŭ lin… Unu fojon, multajn fojojn, blinde kaj furioze atakas, sed la markizo ĉiam lerte deflankiĝas de la frapo.

La koksoj de la bestio anhelas pro penegado, ŝaŭmo franĝas la buŝon, la kruroj subfleksiĝas kaj ekglitas, la okuloj malvigliĝas pro laciĝo. La maljunulo mokas ĝian furiozon. Prikalkulante distancojn, li ĝin erarigas ĉiujn ekbatojn, sen retroiri eĉ unu paŝon.

Daŭradas la batalo.

La vivo de la spektantoj pendas de ilia atentema observado.

Neniu kuraĝas deturni sian rigardon de sur la cirko.

La enormeco de la katastrofo ĉiujn ŝtonigas.

Ekkrias subite la reĝo kaj tuj enŝoviĝas internen de la tribuno. La maljunulo atendis sendefende la taŭran kornobaton, kaj preskaŭ ĉiuj genuiĝis preĝante por la animo de la lasta markizo de Marialva.



Dezirante defendi la etnajn kulturojn, certe oni devas kribri iliajn elementojn, por pasigi al la postaj generacioj nur la pozitivajn valorojn.

Korpremiga paŭzo estiĝis nur momentojn. Tra inter nebuloj — pro kio tremanta pupilo senbruliĝis — oni vidis tiun viron avanci kontraŭ la bestio, lia spado aere fulmis kaj tuj poste malaperis ĝis manŝirmiloj, enŝovita en la bestan nukon. Tondrega muĝado, tra la cirko sekvita de falbruo de la giganta korpo sur la arenon, finis la lastan akton de malbonaŭgura dramo.

Unuvoĉaj kriegadoj aklamis la sukceson. La markizo, kiu devintis kurbigi la genuon pro la forta ekbato, restariĝis pli mortpala ol kadavro. Ne atentante la ĉirkaŭantojn, li denove brakumis la korpon de sia filo, kiun li priverŝis per larmoj kaj kisoj.

La taŭro ankoraŭ leviĝis, malfirme paŝis pro la mortagonio kaj ekpalpis lokon por estingiĝi. Tie ĝi kunplektis la membrojn kaj lasis sin fali senviva tuj apud la ĉevalo de la grafo de Arcos.

Tiun momenton la spektantoj rigardis al la reĝa tribuno kaj ektremis. La monarko staris tre pala, kaj apude la markizo de Pombalo polvokovrita, kun postsignoj de hasta veturado.

Sebastião José de Carvalho intence turnis sian dorson al la toreejo dum li parolis kun la suvereno. Tiamaniere li punis la barbarecon de la cirko.

— Estiĝos milito kontraŭ Hispanio, sinjoro. Neeviteble. Via reĝa moŝto ne povas permesi, ke la taŭroj mortigu vian tempon kaj vasalojn. Se ni pluiros ĉi-vojen… baldaŭ Portugalio pereos.

— Tiu estis la lasta toreado, markizo. La morto de la grafo de Arcos metis finon al reĝaj taŭroj dum mi reĝos.

— Jen tio, kion oni esperas el via moŝta saĝo. En viaj reĝejoj ne estas tiel multaj subuloj ebligantaj fordoni homon ŝanĝe de taŭro. Ĉu vi permesas, ke je via reĝa nomo, mi konsolu la markizon de Marialva?

— Iru! Vi mem estas ja patro. Vi bone scias, kion diri al li…

— La samon li dirus al mi, se Henrique restus tie kiel la grafo.

La reĝo eliris el la tribuno, kaj la markizo de Pombalo eniris la cirkon, impone pro sia altstatura grandiozo; per siaj brakoj levis la maljunan nobelon, lin dirante kun mildtrista voĉo:

— Sinjoro la markizo! Portugaloj kiel via ekscelenco donas ekzemplojn de grandanimeco. Tiujn vi ne bezonas ricevi. Vi havis filon, kiun Dio forprenis. Superegaj diaj juĝoj! Hispanio proklamas militon kontraŭ nia patrio, kaj nia moŝta reĝo, mia mastro kaj sinjoro, de via ekscelenco bezonas konsilon kaj la spadon.

Kaj prenante la maljunulon ĉe mane, kondukis lin preskaŭ surbrake por enigi lin en la kaleŝon.

Lia moŝta Jozefo la 1-a plenumis la parolon donitan al sia ministro. Dum lia reĝeco, oni ne plu pikis taŭrojn en *Salvaterra*.



***Luís Augusto Rebello da Silva*** (1)
**(1822-1871)**

Portugala historiisto, romanisto kaj dramisto, naskiĝinta en Lisbono. Pro primalsanaj problemoj, li ne finis la universitatan kurson, en Koimbro (2). Rebelo Silvo eklaboris kun sia amiko Aleksandro Herkulano (4) en Biblioteko de Aĵudo (3). Li estis redaktoro de Taglibro el la Registaro (5), deputito, ministro de la maristaro kaj profesoro de la Supera Kurso pri Beletro. Li estis elektita por aniĝo al la Reĝa Akademio de Sciencoj en 1854. Li kunlaboris en diversaj publikaĵoj, kaj tradukis *Otelon* de Ŝekspiro, i.a.

Tiel kiel Herkulano, kies brila disĉiplo li estis, Rebelo sin dediĉis ĉefe al la verkado de historiaj romanoj, laŭ la plaĉo de la tiatempa publiko. I.a., reliefas, el lia verkaro, *La juneco de Don Johano la 5-a* (1852-1853), en kvar volumoj, adaptita al teatro en 1857 kun la kunlaboro de Ernesto Biester, kaj *Larmoj kaj trezoroj* (1863) (7). En tiuj romanoj, la aŭtoro majstre plektis la historian veron kun la imagiva kreado. Tiel lia literaturo estas samtempe didaktika kaj amuza, atinganta tre diversan publikon, kiu estis tiu kiu legis ankaŭ la verkojn de Walter Scott kaj de Aleksandro Herkulano, la modeloj de Rebelo. Plej famaj restis la rakontoj *Lasta toreado en Salvaterra* (1848) (8), kaj *Malnova malamo ne lacigas* (9), poste enmetitaj en lia rakontaro *Rakontoj kaj legendoj* (1873) (10). El lia historiika verkaro elstariĝas *Historio de Portugalio en la 17-a kaj 18-a jarcentoj* (11) en kvin volumoj.

**NOTOJ**

**1.** Ludoviko Aŭgusto Rebelo Silvo (PT: Luís Augusto Rebello da Silva [lu'ish aw'gushtu re'belu da 'silva])

**2.** Koimbro (PT: Coimbra [ku'imbra]) – grava portugalia urbo, ĉefe pro sia sepcentjara universitato.

**3.** Biblioteko de Aĵudo (3) (PT: Biblioteca da Ajuda [bibliu'teka da a'jhuda]) – unu el la plej gravaj portugaliaj bibliotekoj; ĝi datas ekde 1755 kaj estas en Lisbono, en la kvartalo Aĵudo.

**4.** Aleksandro Herkulano (PT: Alexandre Herculano [al'shãdre erku'lanu])

**5.** Ĵurnalo el la Registaro (PT: Diário do Governo [di'arju du gu'vernu]) – temas pri publikaĵo el la registaro, kie aperas, i.a., la leĝoj el la registaro, el la prezidento, el la ministroj kaj el la parlamento.

**6.** La juneco de Don Johano la 5-a (PT: A Mocidade de D. João V [a musi'dade de dõ jhwãw 'kintu])

**7.** Larmoj kaj trezoroj (PT: Lágrimas e Tesouros ['lagrimash i te'zorush])

**8.** Lasta toreado en *Salvaterra* (PT: A Última Corrida de Touros em Salvaterra [a 'ultima ku'rida de 'torush ãj salva'tera])

**9.** Malnova malamo ne lacigas (PT: Ódio Velho Não Cansa ['odju 'velju nãw 'kãsa])

**10.** Rakontoj kaj legendoj (PT: Contos e lendas ['kõtush i 'lendash])

**11.** Historio de Portugalio en la 17-a kaj 18-a jarcentoj (PT: História de Portugal nos séculos XVII e XVIII [ish'torja de purtu'gal nush 'sekulush dza'sete i 'dzojtu])

**JJS**

# La senmara haveno de *La Karavelo*: Estremozo, en Alenteĵo

**fotoj de *João José Santos***

*La Karavelo* estas eldonata en la plej pitoreska portugalia regiono, Alenteĵo. Ĉi tiu regiono estas la plej granda el la lando. Ĝi iras de proksime de Lisbono suden ĝis Algarvo, kaj de la Atlantiko ĝis Hispanio. *La Karavelo* estas eldonata en la urbeto Estremozo, kiu distas 50km de la hispana landlimo, kaj do 150km for de la Atlantiko. Jen kelkaj fotoj ilustrantaj la urbeton kaj ĉirkaŭaĵojn.











